# Aŭstraliaj Esperantistoj



## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**

*Lingvoilo* *Google Translate* *Plena Ilustrita Vortaro*

**PLENUMITA 13/04/2017 Tricentdeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



SENDATA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Oni povos metu siajn nomon, retadreson, kaj nomon de siaj lando kaj urbo al la ricevanta listo rspring@tpg.com.au

Ekstudis pli ol **808,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

**La** Esperanta Retradio **donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.**



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA EKZERCO. 16.



Anstataŭ plena suborda propozicio oni ofte uzas Reduktitan Subordan Propozicion (precipe per Infinitivo), same kiel kernon kaj difinanton. Jen kelkaj kazoj:

1). AMI (Subj.) (Infinitivo) egalas MORTI (Infinitivo) IOMETE (Obj.).

2). Lia decido RESTI (Inf.) HEJME (Subj.) kaŭzis min (= al mi) DEVI (Inf.) PREPARI PLENAN MANĜON HODIAŬVESPERE (Obj. ĉe "kaŭzis").

3). PROMENI (Inf.) ĜUANTE LA BONAN VETERON (Adjekto ĉe "Promeni") (Subj. ĉe "preferindas") preferindas AL RESTI (Inf.) HEJME (Adjekto), do ni decidu (Pred.) PREPARI (Inf.) nin POR ELIRI (Inf.) (Adjekto ĉe "prepari") (Obj. ĉe "decidu").

4). DIRI (Inf.) "ADIAŬ" (Obj.) AL LA FRAZANALIZADO (Subj. ĉe "signifas") signifas RIPOZIGI (Inf.) NIAN MENSON FOR DE INTELEKTA EKZERCADO (Obj. ĉe "signifas").

Fino de la frazanalizado, sed sciu ke se Dio elektis vin por Alchejmer-malsano, vi ricevos ĝin ĉirkaŭ kvin jarojn pli malfrue, se vi studas mian (aŭ aliies) frazanalizadon, laŭ reŝercoj en Britujo.

*Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn je la 10atm.
Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagata kafo

La 15a de Aprilo estos la tria Sabato. Venu!

*Mi ĉeestas tiun bonan Esperantan klubon kaj raportas al AE pri la klubo.* *Roger Springer*

(Por havi raporton en AE, via klubo bezonos sendi informon/raporton al AE)

***Novaĵservo Ret-Info / Lingvo-Studio***

# *APERIS LIBRETO DE PASPORTA SERVO*




Post plurjara paŭzo denove estas aĉetebla la adreslibro de Pasporta Servo en papera formo!

La 15-centimetra kaj 248-paĝa libreto enhavas adresojn kaj datumojn de 974 gastigantoj en 81 landoj.

La libro estas aĉetebla ĉe la libroservo de UEA kontraŭ 9 eŭroj (+ sk) laŭ la reta katalogo http://katalogo.uea.org?inf=3474

Retejo de la senpaga gastiga servo Pasporta Servo estas http://www.pasportaservo.org

*Lingvo-Studio, L.S.*

www.eventoj.hu

*Ĉe plusendo de la mesaĝo bv. mencii la fonton: Ret-Info / Lingvo-Studio*

*Vi povas korekti viajn datumojn kaj malaliĝi ĉi tie.*

# **Semajna raporto de Melburno**



**BICIKLADO INTER MELBURNO KAJ VILIAMSTONO**

Je sabato la 8a de Aprilo, kvin biciklemaj esperantistoj renkontiĝis ĉe ponto en Melburno kaj biciklis de tie ĝis Viliamstono. La 12kma vojo estis plejparte nur bicikla kaj inkluzivis pramvojaĝon trans la rivero. La vetero estis belega kaj ni tagmanĝis ĉe drinkejo en Viliamstono, kaj poste iom promenis laŭ la kajo antaŭ ol ni biciklis hejmen laŭ la sama vojo.





**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 9an de Aprilo ses homoj (inkluzive de juna vizitanto de Brisbano) kunvenis ĉe “Cafe Beer Deluxe” en Federation Square. Ni babilis kaj faris ekzercon pri bestnomoj.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 10an de Aprilo naŭ homoj (inkluzive de komencanto) kunvenis ĉe "Ross House" en la urbocentro. Ni babilis, lernis pri komunaj kaj propraj nomoj, faris enigmon de Suzanne kaj alian pri bestnomoj.

**VENONTAJ KUNVENOJ** (Ne estos lunda kunveno je la 17a de Aprilo pro la publika ferio)

| | |
|---|---|
| Sabaton 15an de Aprilo je 12:30 | Pikniko por memorigi la 100an datrevenon de la morto de Zamenhof, en Batman Park en la urbocentro, apud la rivero. |
| Dimanĉon 16an de Aprilo je 15:00 | Kunveno por komencantoj ĉe Cafe Beer Deluxe, Federation Square |
| Sabaton 29an de Aprilo je 19:00 | Ludvespero ĉe Alchemists Refuge, 328 Little Lonsdale Street |

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 726
Facebook – 285
Twitter – 212
Instagram – 57
Telegram – 18

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★




file:///C:/Users/Roger%20H%20Springer/AppData/Local/Microsoft/Windows/INetCache/Content.Outlook/B7H4JTI9/Komunikoj%20n-ro%20165.pdf

**Bonfaranto – estas tiu, kiu helpas kaj foriras.**
**Amiko – tiu, kiu silente helpas.**
**Kamarado – tiu, kiu kunlaboras neniam ĝenante.**
**Renoviganto – tiu, kiu renoviĝas por la bono.**
**Fortanimulo – tiu, kiu scias esperi en paca laborado.**
**Klarmensulo – tiu, kiu konas sin mem.**
**Kuraĝulo – tiu, kiu nenion timas pri si mem.**
**Defendanto – tiu, kiu kunlaboras sen konfuzo.**
**Laboremulo – tiu, kiu agadas profite al ĉiuj.**
**Venkinto – tiu, kiu sin mem venkas.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Komentoj pri novaĵoj aperintaj en AE

Noto. Responde al Bert kaj Donald: Por la meteologia signifo de "precipitaĵo" mi uzas la vorton "elnubaĵeroj" kaj por "precipiti" mi uzas "elnubiĝi" el "elnubiĝaĵeriĝi", ĉar temas preskaŭ ĉiam pri aĵeroj kiuj falas el la nuboj. Cetere antaŭ la dua mondmilito la meteologia signifo de la vorto "precipite" ktp. ankoraŭ ne uzatis en la franca lingvo, nur la ĥemia, laŭ mia antaŭmilita eldono de Larousse. Do verŝajne ankaŭ en aliaj lingvoj. Kaj la indonezia "presipitasi" venas el la prononco ante la nederlandan precipitatie: "presipitaatsie". *Marcel Leereveld*.

# Bob Felby Mia infanaĝo (3)



Ĉar estis multekoste loĝi en Kopenhago, la sola solvo estis mem konstrui domon. Paĉjo biciklis al ekster Kopenhago, al antaŭurbo nomata "Valby". Tie li luprenis terpecon periferie de Valby. Tiu terpeco kostis tiam nur 10 kronojn por tuta jaro. 10 kronoj estas hodiaŭ A $ 2.50. Sur tiu terpeco li devis konstrui nian domon. Nu tio povus soni tre malfacila afero, sed ne por mia paĉjo. Li ofte laboris, kiam laboro troveblis, kiel masonista helpisto, kvankam li estis bakisto. Li do sciis iom pri konstruado, ĉu ne? Kaj multon pri bakado! Ĉiun matenon li biciklis al unu el la forĵetindaĵejoj ekster Kopenhago. Tiu forĵetindaĵejo troviĝis proksime al la fabriko "Ford", kiu ricevis el Usono, per ŝipo, aŭtomobilpartojn, kiuj estis kunigataj tie, kaj vendataj. Nu, tiam estis permesate eniri la forĵetindaĵejon kaj forpreni kion ajn. Paĉjo do iris kaj forprenis la grandegajn kestojn, en kiuj estis la aŭtomobilpartoj. Li povis meti nur unu sur la biciklon, kiun li do puŝis al sia terpeco. Li faris kelkajn tiajn vojaĝojn ĉiutage, kiam li ne havis laboron. Iom post iom tre eta domo estis preta, kaj ni povis enloĝiĝi.

Estis tre interese. Mia onklo Johano helpis nin. Li gvidis la ĉevalon, kiu tiris la veturilon kun niaj posedaĵoj. Estis tiom da malmultaj posedaĵoj, ke estis facile trovi sidlokon sur la veturilo. Kiam ni alvenis al Valby, ekpluvis. Mia onklo trovis la dometon. Paĉjo ĉirkaŭrampis prinajlante la plankon, kaj pluvo envenis tra la tegmento. Tie ni devis loĝi. Mia onklo helpis finfari la plankon, kaj dum ili ambaŭ poste grimpis sur la tegmenton por kovri ĝin per gudropapero, mi kaj mia frato Børge devis iri al la bakisto por peti de li akvon, ĉar mia panjo decidis, ke nun ni trinku la unuan tason da kafo en nia propra hejmo.

Ni uzis primuson en la unuĉambra dometo. Tie ni do loĝis. Iom post iom la dometo pligrandiĝis, sed nur malrapide. Ĉiun tagon paĉjo hejmen portis alian Ford-keston, kaj iun belan tagon ni havis ankaŭ kuirejon. Ni faris nian propran kloakon, kaj Paĉjo fosis puton, konektis ĝin per tuboj al pumpilo en la kuirejo, kaj ni fakte vivis tre lukse kaj preskaŭ senkoste en nia domo. Aldoniĝis dormoĉambro, poste li konstruis "virgulinejon", t.e. speciala ĉambro por Gerda, mia fratino. Sekvis tiam verando, tiam lavejo kaj lavkaldrono kaj lavbreto. La ĝardeno plibeliĝis; ni havis kortbirdojn kaj kuniklojn. Børge kaj mi havis centojn da blankaj musoj kaj kobajoj.

Paĉjo konstruis laŭbon. Li konstruis ĝin el ligno, kaj farbis ĝin verda. Por ŝpari monon li faris la tegmenton el jutŝtofo. Ĝi estis tre bela, sed kiam "Gråper" kuŝis sur ĝi, ĝi montriĝis esti ne sufiĉe forta, ĉar tiam ĝi, pro la pezo de la grandega kato, malsupren iris ĝis preskaŭ la supro de niaj
kapoj!

Do Paĉjo deprenis la jutŝtofon kaj anstataŭigis ĝin per ligna tegmento, kiun li kovris per gudropapero. Nun ni havis vere belegan laŭbon, en kiu ni povis sidi eĉ dum pluvado, kaj manĝi nian rabarban kaĉon!

*Bob Felby*

# El Adelajdo



Nia lasta kluba kunveno okazis la 5-an de Aprilo. La ĉefparolanto de la vespero estis Bob Felby. Li donis al ni siajn pensojn - pensigante ankaŭ nin - pri tempo, juĝado de aliaj, ŝakludado, morto, enkarniĝo kaj aliaj.

*Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# LA REGULOJ POR KOMUNAJ KAJ PROPRAJ NOMOJ.



Propraj nomoj estas la nomoj donitaj al personoj aŭ al personigitaj aferoj.
Ĉiuj aliaj substantivoj estas komunaj nomoj.
La reguloj por la du specoj diferencas en tri aspektoj. Jen ili estas:

| KOMUNAJ NOMOJ | PROPRAJ NOMOJ |
|---|---|
| 1). NE HAVAS KOMENCAN ĈEFLITERON<br>Esceptoj: titoloj kaj frazkomence. | 1). HAVAS KOMENCAN ĈEFLITERON<br>Esceptoj: neniuj. |
| 2). POVAS HAVI PLURALON<br>Esceptoj: materioj kaj abstraktoj ne havas. | 2). NE HAVAS PLURALON<br>Esceptoj: en kelkaj okazoj ĉe nomo de persono. |
| 3). ĈEHAVAS LA ARTIKOLON “LA”<br>Esceptoj: ĉe abstraktaĵoj kaj materioj kaj ĉe pluralo ĝi ofte mankas. | 3). NE ĈEHAVAS LA ARTIKOLON “LA”<br>Esceptoj: povas havi en la pluralo, kaj se kun adjektivo aŭ komplemento. |

## E k z e m p l o j.

| | |
|---|---|
| Ĉe 1).: (Mia) patrino.<br>Esc.: “La Kapitalo”; Akvo haveblas. | Ĉe 1).: Ŝi amas Petron. |
| Ĉe 2).: (Miaj) gepatroj.<br>Esc.: rizo; malvarmeco. | Ĉe 2).: Petro.<br>Esc.: Mi havas tri Petrojn en la klaso. |
| Ĉe 3).: Mi ŝatas la ĉevalon. Mi ŝatas la supon.<br>Esc.: Mi ŝatas supon kaj honestecon.<br><br>Mi ŝatas ĉevalojn. | Ĉe 3).: Mi vizitos Johanon.<br>Esc.: La laboremaj Petroj en mia klaso.<br><br>Renkontu la Petrojn de mia klaso. |

En Esperanto, kiel en plej multaj landoj, komuna nomo sekvas la regulojn por la komunaj nomoj kaj propra nomo sekvas la regulojn por la propraj nomoj, NE miksaĵon de la du.

Ekzistas vortoj kiujn kelkaj personoj aŭ lingvoj traktas kiel komunajn, kaj kiujn aliaj personoj aŭ lingvoj traktas kiel proprajn nomojn. En ambaŭ kazoj oni en Esperanto, kiel en plej multaj lingvoj, ne povas sekvi miksaĵon de la reguloj.

Do se Esperanto traktas ekzemple la nomojn de tagoj kaj monatoj kiel komunajn nomojn, tiuj tagoj kaj monatoj ĉiam obeas la tri regulojn por la komunaj nomoj, ekz. Mi ferios en la junio kaj Dum kvin jaroj ni ŝanĝis la horon en la komenco de la martoj. Tion faras la germana konsekvence.

Se Esperanto traktas la nomojn de tagoj kaj monatoj kiel proprajn nomojn, kiel faras la angla, tagoj kaj monatoj ĉiam obeas la regulojn por la propraj nomoj, ekz. Mi ferios en Junio kaj Dum kvin jaroj ni ŝanĝis la horon en la komenco de Marto.

"Mi venos Lundon", do propra nomo, signifas "Mi venos la menciitan Lundon". Ankaŭ "Mi venos la lundon", do komuna nomo, signifas "Mi venos la menciitan lundon". Sed "Mi venos lundon", do komuna nomo, signifas "Mi venos iun lundon", do oni tiam bezonas indikilon, kia "Mi venos la proksiman lundon".

La francoj miksas la regulojn en sia lingvo, neinteligente, kaj multaj francaj Esperantistoj volas miksi ankaŭ la uzon en Esperanto, do francigi kaj mallogikigi Esperanton. Fi!

Kontraŭe al la franca, Esperanto uzu AŬ "Mi venos je Dimanĉo" (kiel en la angla) AŬ "Mi venos je la dimanĉo" ("la" kiel en la germana).

Marcel Leereveld.

# PRI MIA KAJ ALIAJ ĜARDENOJ.



En mia ĝardeno mi havas plenkreskintan dudekkvin metrojn altan specimenon de la purpura fago, Fagus sylvatica purpurea, kaj oni ne ofte vidas ĝin. Iom pli ofta estas la ordinara fago kun verdaj folioj. Do ĉar unu tia kreskas en ĝardeno proksima al la lernejo en kiu mi instruis, mi ĉiujare kondukis mian  novan klason germanan al tiu fago. La celo estis montri al la infanoj la ŝelon de la trunko de tiu arbo, kiun ŝelon oni antaŭ la invento de la libropresado uzis, pro ĝia taŭgeco, kiel surskribatan paperon, kaj ke tial la germanaj vortoj por libro kaj por fago preskaŭ samas, nome Buch kaj Buche. Unu vorto venis el la alia, kaj tial la simileco en la angla lingvo: book kaj beech.

Pri la ĝardeno de la pentrarto: Mi havis la ŝancon rigardi en unu artgalerio ekspoziciojn de tri pentristoj aŭstraliaj, nome Albert Tucker, Fred Williams, kaj Charles Blackman. Mi ne estas spertisto pri la arta valoro de pentraĵoj, sed tamen klasifikas ilin, pro mia multjara interesiĝo pri arto tutmonda kaj kelkfoja verkado de gazetartikoloj pri arto. Krome miaj patro kaj edzino estis artistoj (ĉu Marcel ne estas la pentristo en la opero La Bohème?). Mi tial havas certajn opiniojn pri la artismo de preskaŭ ĉiuj aŭstraliaj, kaj ankaŭ tutmondaj, artistoj. Ree observante la verkojn de la tri nomitaj, kies verkojn mi ree tre ĝuis, post dekoj da observoj, mi ree klasigis Blackman kaj speciale Williams kiel superajn unuaklasajn artistojn, kiel la granda Arthur Boyd, kaj Tucker kaj Nolan kaj Whiteley kiel duaklasajn, kvankam iom pli bonaj en sia klaso ol mia edzino. Mi havas miajn kriteriojn, tro por mencii ĉi tie. Ĉi tiu juĝo ne baziĝas sur la prezoj de iliaj verkoj. Aliaj artstudantoj verŝajne havas malsaman juĝon, pli tian kian havas la merkato.

Antaŭ pluraj  jaroj mi plantis specimenon de la koralarbo, coral tree, eritrino, Erythrina, kun la belaj ruĝaj-flavaj floroj. Mi plantis ĝin kontraŭ nordaspekta muro de la domo, ĉar ĝi bezonas multe da varmo. Sed ĝi antaŭ du jaroj kreskis pli alten ol la domo. Mi do forsegis la supran (ne la

malsupran) duonon de la arbo, ĉar alie oni ne povas vidi la tre belajn florojn. Sed nun ĝi ree pli altas ol la domo. Fakte oni devas planti ĉi tiun arbon, kaj aliajn belege florantajn, en dekliva flanko de vojo, kaj tion oni klere faris, antaŭ multaj jaroj, en Melburno, tuj apud la Swanston-ponto, sed profunde. Tiel ni, kaj la turistoj, povis apude, el alteco, admiri la florojn. Sed antaŭ kelkaj jaroj la vandala urbestraro deziris plilarĝigi la piedvojeton apud la trunkoj de la kvin arboj kaj deklaris ilin malsanaj, por forhaki ilin. Ili tute ne aspektis malsanaj, sed tio estas la kutima preteksto por forhaki arbojn kiuj estas "en la vojo" de la vojo, t.e. tie kie oni volas konstrui vojon aŭ domon.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Ĉantaĝa atako ! Cerber Ransomware !

Mi havas problemojn kun mia komputero.

Iu ŝlosis multajn de miaj programoj kaj postulis ke mi pagu ilin por malfermi miajn ŝlositajn programojn

Do mi ree kunmetis la novaĵleteron.

Nun mi devas trovi la retadresojn de la legantoj de AE

